





GIJON MAJO - JUNIO 1.978

GRUPO ESPERANTISTA JOVELLANOS Nº 2

Regulo de la Esperanta gazetaro estas ties ne-regula aperado. Vi povas konstati la ne-refuteblan fakton, ke Ni estas ĝisoste fidelaj al tiu regulo.

Nia unua numero aperis en la jaro 1.976-a, junio-julio; do, Ni supozas, ke Vi disponis je sufiĉe da tempo por ĝin finlegi, ĉu?!

Hodiaŭ Ni prezentas Nian numeron 2, kies en havo esperεble plaĉu al ĉiuj.

Ni klopodos, ke Nia gazeto iĝu almenaŭ du-monata; do, bonvolu frandi la enhavon de ĉi tiu numero kiel eble plej baldaŭ, antaŭ ol nova numero atingu Vin.

Denove, Ni alvokas Vin, estimataj legantoj, por ke Vi kontribuu pliriĉigi la enhavon de Nia modesta gazeto per alsendo de Viaj verkajoj. Antaŭdankon!

H E L E C O

= 0 = 0 = 0

GEJ




GIJON

# KUNVENO DE LA ESTRARO DE LA GRUPO DE ESPERANTO JOVELLANOS-† GIJON

1ª Marto 1.977

Malferminte la sesion, la S-ro. Prezidanto avertas la Sekretarion ke li devas raporti pri la aferoj traktotaj en la kunveno ne nur por la aktlibro sed ankaŭ por sia publikigo en la gazeto "BOLETIN" de H.E.F. (Hisp. Esp. Federacio). Li diris: Nia esperanta agado devas esti konata de la hispana esperantistaro; se iu esperantistaĉo ternas, BOLETIN ampleksigas kaj tutlande disvastigas sian ternon, tamen nia fruktodona esperanta laboro, nia laŭdinda dediĉo al la Granda Ideo de D-ro. L.L.Zamenhof restas malkonata de la esperantista mondo. La sekretario notas tiun ordonon dum sin demandas el kio povas konsisti la fruktodona kaj laŭdinda laboro favore al esperanto de tiu gijona grupo.

La S-ro. prezidanto informas al la estrara kunveno ke la grupo starigis bankan kuranta konton; sia kvanto estas 70.000 ptoj., rezulto de la loterieto okaze de la Kristnaska festo. La gekomitatanoj eksentas grandan intereson por la afero kaj avide demandas sub kiuj nomoj establiĝis tiu kuranta konto. Kiam oni diras al ili ke la mono estas reenspezebla nur per la subskriboj de la prezidanto, vicprezidanto kaj kasisto, la grupanoj apenaŭ povas kaŝi sian ĉagrenon kaj malkonfidon.

Sekvanta afero.- La prezidanto proponas inkludi en la registaro de la Grupo la du esperantistojn kiuj ankoraŭ ne estas voĉdonantoj. Ĉar ili ĉeestas en la kunsido neniu kuraĝas sin oponi, Do, la registara listo restas tiel:

| | |
|---|---|
| - Prezidanto | - Santiago Mulas Gallego |
| - Vicprezidanto | - Adonis González Meana |
| - Sekretario | - S-ro. D. FAUSTINO CASTAÑO VALLINA |
| - Ekzekutiva Delegito aŭ Delegita Ekzekutivo | - Vicente González González |
| - Kasisto | - Quiterio García Ballesteros |
| - Bibliotekistino | - María Nieves Carmen García Rivera |
| - Voĉdonanto 1ª | - José Ordieres Dacosta |
| - Voĉdonatino 2ª | - Marina Piquero Muñiz |
| - Voĉdonanto 3ª | - Antonio Román Cantón |
| - Voĉdoanto 4ª | - Heriberto Coto García |
| - Voĉdonanto 5ª | - Julio Argüelles García |
| - Voĉdonanto 6ª | - Ilcefonso Domínguez Losada |
| - Voĉdonante 7ª | -Pilar Alonso Moro |

Tria afero.- Oni informas ke la familio de D. Alfredo Villa y Villa (ripozu pace) donacis al nia esperanta grupo valoran lotaĵon da esperantaj libroj. La grupo decidas fari etan omaĝon al S-ro. A. Villa kaj dankemon al siaj posteuloj. Ankaŭ oni ordonas al la bibliotekistino fraŭlino María Nieves (Neĝulino) fari liston de ĉiuj la libroj de la biblioteko inkluzive la lasta donaco; Neĝulino demandas kie situiĝas la biblioteko; la asembleo surprize konstatas ke ekde sia nomiĝo kiel bibliotekistino, antaŭ dek monatoj, Neĝulino neniam eniris en la bibliotekon.

Poste oni pritraktas la aferon de "la litkovrilo". Oni informas ke S-ino de Briz, esperantistino de Mieres, donacis al nia gijona esperanto-grupo manbroditan litkovrilon kiel helpo por nia vojaĝo al la XXXVIIª Hispana Esperanta Kongreso, en Sabadell. Iu diras ke la valoro de la litkovrilo povas esti pli ol dekdu mil pesetoj kaj proponas montri nian dankemon al S-rino. de Briz per la donaco de flora bukedo. La asembleo akceptas nur sub la kondiĉo ke la bukedo ne estu tre multekosta. La asembleo devas disponi la profitmanieron de tiu multvalora tuklaboraĵo. S-ro. Vicento proponas ke ĉar la donaco estas por helpi pri la kongreso ni povus transdoni la litkovrilon al la respondeculoj de la kongreso de Sabadell por ke ili akciu ĝin inter la gekongresanoj kaj destinu ĝian koston por pagi la ŝuldojn de la kongreso. Aŭdinte tiun proponon de donaci la donacon kiun ni ricevis, ĉiuj la gekunvenanoj freneze sin levis kaj perpugne minacantaj, sin ĵetis sur Vicenton dum oni aŭdis voĉojn petantaj lian

demision. Li diligente deklaris ke li bonvolonte nuligos sian proponon kiu, krome, estis nur ŝercaĵo. Poste, la eminenta esperantisto Sro. D.FAUSTINO CASTAÑO VALLINA, Sekretario de la grupo, proponas bonegan, geniegan ideon. Li diris: Ĉar la litkovrilo estas por helpi al la geesperantistoj en ilia vojaĝado al Sabadell, ili povus uzadi la broditan kovrtukaĵon por sin kovri dum ilia dormado en Sabadell kaj dum la vojaĝo. Tia mirinda propono ne atingis la aprobon de la kunveno, ne eĉ sian atenton. Tiuj aĉuloj respondis nenion kaj daŭrigis sian sensencan diskutadon; ĉi tiu maldelikata konduto estas vere kondaminda sed la pacienco, humileco kaj bonkoro de tiu glora esperantisto estas tiel grandega kiel sia saĝo kaj scipovo, kaj li toleris tiun malestimon por konservi la pacon en la esperantista familio. Dum, tiuj fihomoj sekvis la senutilan babiladon; ili pritraktis absurdajn projektojn, kaj finfine ili aprobis la plej ekstravagancan: ili decidis loti la litkovrilon. De post du monatoj de la lotado de la Kristnaska korbo, ili denove deziras fari loterion; Ŝajnas ke ili pretendas kovri la urbon per lotbiletoj de la esperanto-grupo. Ili decidis fari grandan nombron da biletoj; se aĉetus ilin nur tiuj homoj kiuj scias kio estas Esperanto, devus akiri kvarcent lotbiletojn ĉiu ulo. Neĝulino asertas ke ili devos ne vendi biletojn al S-ro. Castaño, ĉar li atingis la premion de la decembra lotado kvankam li aĉetis nur tri biletojn, kaj vendis neniun. Respondis Sro. Adonis ke tutkontraŭe ili devos trudi al la Sekretario la aĉetadon de cent biletoj por ke li tiel pagu la antaŭan atingitan premion. La Sekretario pacience toleras tion; tiu granda homo denove devas suferi la atakojn de la homa envio. Li serene respondis al ili ke por retrafi la premian numeron, li necesas akiri nur unu aŭ du biletojn.

Sekvanta afero.- Oni pritraktis la eldonadon de la dua numero de la gazeto HELECO de la Grupo. La unua numero aperis antaŭ 7 monatoj kiel dumonata gazeto. Anstataŭ dumonata ŝajnas "duonjara" gazeto. Iu diris ke Vicento estas la kulpulo kaj la ceteraj grupanoj bonvolonte aprobis tion por ke plu oni serĉu respondeculojn. Oni akordis ekpretigi la novan numeron kaj oni petis laboraĵojn por tiu gazeto. La Sro. Vicprezidanto diris ke povas esti ĉiuj temoj sed sen politikaj implikoj; taŭgas aferoj kiel: Teksto de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj kum komentoj pri sia aplikado en tiu ĉi lando dum la lastaĝ kvardek jaroj, tradukaĵoj de prelegoj de H.Markuse, fragmentoj el la ruĝa libro de Mao.....

Alia afero.- La Sro. Prezidanto proponis fari ĉiumonate kunvenojn de la estraro de la esperanto-grupo. La Sekretario tiam proponis ke en tiuj kunvenoj oni parolu esperante. Tio ĉi estas grandega sekreto, ne diskonigu ĝin: la kunsidoj de nia grupo (same kiel la Hispanaj Kongresoj de Esperanto) estas kutime hispanparolataj. Nur la Sekretario (denove li) parolas perfekte esperanton. Lia stilo rememorigas tiun de la grandaj majstroj de la internacia lingvo: Zamenhof, Grabowski, Kabe, Pedro Nuez..... La ceteraj gegrupanoj bone ricevis la proponon pri monataj kunvenoj, sed iuj el ili faris kiel se ili ne aŭdis la duan proponon (aliaj eble ne ĝin komprenis ĉar ĝi estis dirita esperantlingve).

Lasta afero.- La Prezidanto proponis finigi la kunvenon; li diris: restas ankoraŭ pli da aferoj por pritrakti, tamen se ni solvus ilin hodiaŭ, ni ne havos motivon por la sekvontmonata kunigo. Tiu-ĉi propono finigi la sesion estis la plej entuziasme kaj unuanime aprobita de la tuta asembleo.

LA SEKRETARIO

REVISTA DE POLICÍA

# ESPERANTA  POLICO

## INTERNACIA POLICA FAKO

Ĉefredaktoroj: S-rcj Miguière; Tison; Cid, kaj Nuñez

Mia deziro antaŭenpuŝi la Lingvon «Esperanto», estas kio min instigas konfekcii ĉi tiun sensignifan laboron, ke se certe al ĝi mankas valoro, ankaŭ certe ĝi alportos iom da profito kaj utileco, kvankam la servoj, kiujn plenumas la Polico, estus tiel reliefaj ke ili memsuperus la idealon celatan intencante fondi, en Madrido, grupon de Esperantista Polico.

La Polico, estas ĉiumomente, garantigvardio por la honesta homo, la emblemo de bonfarado, de abnegacio, eĉ de multfoja heroeco; tiel same ĝi plenumas siajn devojn en la grandaj ĉefurboj, kiel en la plej malgrava vilaĝeto; ĉie, fine, kien ĝi alvenas, ĝia rolo estas, elserĉi kaj malkaŝi tiujn individuojn petitajn de l'juĝantaroj je la celo apartigi ilin el Socio, same kiel oni apartigas lolon, el semita tero.

Mem la vivo, al ni ĉiutage, elpravigas tiun veron.

Sed se ĉi tio estas vera, ne malpli vera estas tio, ke iafoje, iujn servojn oni ne efektivigas tiel sukcese, kiel estus dezirite de la Policanoj, pro nekonado de l'lingvo de l'interparolanto.

Eviti tiujn malfacilaĵojn, celas la lingvo Esperanto, kiu permesas, aŭ pli bone, faciligas interkomunikiĝon de ĉiurasaj, ĉiulandaj homoj, ne nur pro la utilo kiujn ĝi alportas, sed ankaŭ, ĉar ĝi jam estas konita de l'tuta civilizita mondo, kaj donas fruktoportajn rezultatojn, je ĉiuj fakoj de l'homa scio.

Eble, unuavide, vi trovos trograndigon je la esprimado de miaj pensoj, sed ilia logika pruvo, taŭgos al vi, mi kredas, kiel praktika instrumento.

Mi ne dubas pri tio, ke inter vi, estas homoj kiuj posedas lingvon Francan, Germanan, Anglan, Italan, k. t. p.; sed tiuj kiuj havas tiajn konojn, nur povos interparoli kun aliaj kiuj scias la lingvojn kiujn ili lernis, sed ne kun homoj de l'cetera mondo. Neniu, pli bone ol vi, estas pli devigata ne bezoni interpretistojn, kaj interkomunikiĝi, helpite de neniu, kun diversaj fremduloj kaj subteni profesiajn interrilatojn kun alilandaj policoj. En fremdlando, la diversaj policanoj interrilatas eĉ kun izolitaj individuoj, utiligante por tio, la helpan internacian lingvon «Esperanto» kies elpensinto estas D-ro Zamenhof, kuracisto en Varsovio, Rusujo; policanoj kiuj apartenas al grupoj aŭ Esperantaj Societoj, trovas, pere de tiu lingvo, grandajn facilaĵojn kaj progresojn, por bone sukcesigi sian rolon kaj plenumi sian sanktegan devon.

Internacia Polica, estas asocio unuiganta ĉiujn policajn asociojn, kaj ĉi tiuj uzas diritan lingvon, por la internaciaj policaj rilatoj.

En Parizo, estas porpolica gazeto titolita «Internacia Polica Bulteno»; same okazas en Granda Britujo, kie estas «Police Review» kiu pritraktas pri «Esperanto kaj polica laboro», kaj oni neniun trovos kiu, apartenante al tiu organismo, ne interesiĝas pri afero Esperanto, sen hezite, praviĝante ke per tiu lingvo li venkos grandajn malfacilaĵojn, pro la utileco kiun, al li ĝi donas.

Ankoraŭ alia pli grava afero estas, ke multaj superuloj apartenas al Esperantujo, kiel ekzemple, S-roj, F. Taylor, Inspektoro en Manchester, saĝa kaj lerta esperantisto, E. Tisón kaj Miguière en Paris, k, c.

Esti esperantisto, egalvaloras aparteni al Nacia Grupo, kiun ni, tre bone, povas kvalifiki per la nomo «Internacia Asocio de Amikoj.»

Esti esperantisto, estas same kiel aparteni al tutmonda familio; kien ajn oni iras, oni tie havas fratojn, pretajn por lin favori kaj kiuj neniam lin trompos aŭ malfidos.



**S-ro Miguel Cid Rey**
Prezidanto de la Grupo Esperantista de Soria

Esperantisto, nur havas la honoran lemon, kiu nur estas gloro aŭ bona reputacio kiu sekvas virton, meriton aŭ heroajn agojn, kiu transiras al familio, personoj kaj agoj de tiu kiu al si, ĝin altiras; bona opinio kaj famo akiritaj per virto kaj merito.

Esperantisto juĝas kiel el la plej estimindaj bonoj kiujn ni ĝuas dum nia socia vivo, la honoron, indecon kaj honestecon, ĉar li scias ke nura eknasko de penso kiu malfirmigas ĝian purecon, ĝin malheligas.

Senpripenso, estas korektebla; malvirto kaj malmoraleco, estas kontraŭaj, malkuniĝemaj al ĉiu honora ideo, kaj tio, kio kun honoro estas neharmonia, estas malakceptinda je organismo kiu, kiel la Polico, nur por kaj per honoro vivadas, kaj kiu devas morti antaŭ ol ĝin perdi.

Firma en mia decido, mi ne ĉesas, per ĉiuj rimedoj de mi atingeblaj, kunlabori por altrangiĝo de amaro, kiun estris homo tre vere de mi amata, tia estas, la Kolonelo Don Francisco Fernández Llano, kiu, sciante la servojn atingatajn de Esperanto, rajtigis la S-ron Don José Nuñez Rey, por ke en Madrido estu fondata «Esperanta Policgrupo», kaj tiel, la jam menciita estro, sciigis ĝin, dum lasta Julio, al Parizo, laŭ oficialaj sciigoj kiujn mi havas antaŭ mi.

Per tiu «grupo», «branĉo» aŭ «fako», la Polico gajnos centan procenton, rikoltos fruktojn, kvazaŭ en foliplena fruktoĝardeno, ĉar krom la eksteraj rilatoj, la kunvenoj aŭ kunsidoj kiujn ĝi aranĝos, densiĝos pli kaj pli, la samideanajn interligiĝojn; la memstimulado ampleksiĝos, kaj la rezultatoj atingataj estos por ĝi justa rekompenco.

Ĉi tiu decido de S-ro Fernandez Llano, estas potenca helpilo por Hispana Polico: unu plia laŭra kaj ora krono por Esperanto.

La polico devas: paroli malmulte; sed aŭdi multe; ŝajnigi ke ĝi ĉion kredas, sed kredi nenion; utiligi la lertecon kaj senpartian kriterion, kaj preni instruiĝon erarigante tiujn, kiuj intencas trompi ĝin; tiun amason da veraĵoj kaj malveraĵoj, akiritaj per konfidencioj de l'ruzulo, dubhonestulo kaj honestulo, ĝi devas kontroli, ne nur memobservante, sed ankaŭ, stude kaj nerekte sin informi de bonfame kaj elmontrite honestaj personoj ĉiam evitante ke la viglato sciu pri tia viglado. Per tiu sistemo,

post tempo, Polico ne necesos oficialajn helpantojn kaj pliriĉigos sian historion per multvaloraj faktoj.

Ruzecon de malbonfaranto oni perfekte devas koni, do, ĝi similas tiun de muso. Ni jam scias, ke ĉiam ekzistis, bonaj kaj malbonaj homoj, emautoj de l'rabado kaj vigle gardantoj de l'honoro, fanatikuloj pro malmanko da konscienco, kaj indiferentuloj pro manko da kredo; la malbono, kreskas mirigrapide; la kulpulo, plibone vivadas ol honestulo; la senpuneco estas kvazaŭ en tagordo; sed ni komprenu ke, ĉio ĉi, nur estas morala epidemio kiu nin invadis, kaj kiun ĉesigos, reguliga kontraŭbatalo de l'Socio; se tio, tiel ne estus, ni malbenus la nunan civilizacion kaj ĝian progreson.

Ĉi tiuj teorioj, eble ŝajnos korpremantaj, certe; sed ili montras malkaŝan sincerecon, kaj ni konstatas ke, la dezirego enspezi, la senlima avideco por ĝuoj, ne malaperas tiel facile; kaj por Socia Pliboniĝo, necese estas malebligi la disvastiĝon de l'sociaj malvirtoj.

La mondo estas granda batalkampo kie por nenio taŭgas senmoveco, senkuraĝeco, mutismo. Estas necese paroli, sin movi, sin agiti, batali senĉese kun trankvila koro, kaj Dio kiel standardo: se ĝi falas, ni lin ne forlasu, sed ne haltu por insulti, nek plori lin; marŝante, ni lin metos, sur niajn brakojn, se necese; sur koron, se li varmon bezonas, kaj kun li antaŭen, ĉiam antaŭen!

Antaŭen, indaj hispanaj policanoj! Estu korfortuloj, ne malsanuloj sen kuracisto kiu vin kuracos, sen alia flegado nur se tiu de entombigisto, sen aliaj kuraciloj nur se tiuj piloloj, bongustaj supraĵe sed galecaj en ĝia interno! Estu fortaj kaj ĉesigu viajn ĝemonjn ĉar neniu atentos viajn plendojn, nek kompatos viajn bedaŭrojn! Estu fortaj kaj batalu, ĉar Suno ne mortis post la okcidentaj montetoj! kontraŭe! ĉe l'Ĉielo, nova astro brilas, la «Verda Stelo» kiu, nune, batalas la mornebulojn, malbaronte al si la vojon per siaj radioj, tra montojn kaj valojn: aŭdu kaj sciu ke nova tago alvenas. Estu fortaj kaj ne malgajiĝu nek senkuraĝiĝu, ĉar via malfeliĉa ŝanco, estas tiu de multaj el viaj similuloj, eble, la komuna de l'homaro. Estu fortaj, ĉar ne ĉiam la Suno orumis rosajn gutojn, iafoje defalintaj el floroj, pro maloportuna venteto. Estu fortaj, ĉar ne ĉiaj tagoj estas klaraj kaj helaj, sed multaj malhelaj kaj malgajaj. Estu fortaj, kaj antaŭen! ĉiam antaŭen! Ke nia lingvo, memfide antaŭeniru ĝis siaj estontaj destinoj; estu nelaciĝeblaj ĉe l'laboro; maltimaj en viaj ideoj; fortaj en viaj agoj; konstantaj en viaj moroj; firmaj en viaj rajtoj; fortaj en via mendefendo; moderaj en bonsorto; kuraĝaj en malfeliĉo; ĉar, tiamaniere, baldaŭ alvenos la perfektigado de unueco, paco, amo, bontemo, honestemo kaj indemo.

Instruu ĉi tiujn sanktegajn maksimojn al viaj idoj: apartigu ilin el venenhava feĉo; konsilu ke ili ĉiam uzu prayecon, sed neniam perfortecon; protektu la honestan kaj laboreman homon; kompatu la malbonfarantan kaj mallaboreman; kaj, per tio, havu certecon, ke vi atingos konsideron kaj ŝaton de l'sana Socio, respekton kaj amon de l'viuloj, kaj la benojn de l'Ĉielo.

MIGUEL CID REY,

Komandanto de Guardia Civil;
Internacia Esp. Policasociano.

Artikolo verkita de Sinjoro Miguel Cid Rey praavo de nia samideanino Mª de los Angeles Cid, aperinta en la " Revista de Policía " en la unuaj dekjaroj de nia jarcento.

SE VI DEZIRAS ESTI FELIĈA

Se vi deziras atingi tian feliĉecon, kiun vi deziregas, vi devas disdoni bone vian tempon kaj pensi ke:

VI BEZONAS TEMPON....

.... por pensi
Estas la deveno de la povo

.... por labori
Estas la kosto de la sukceso

.... por legi
Estas la fonto de la saĝeco

.... por preĝi
Estas la plej granda energio de la Tero

.... por ami kaj esti amata
Estas senpaga privilegio de Dio

.... por esti afabla
Estas la vojo de la feliĉeco

.... por doni
La tago estas tro mallonga por esti egoisto

.... por amuziĝi
Estas la sekreto de la juneco

.... por ridi
Estas la muziko de la animo

.... por ami al via aliulo
Estas la ŝlosilo de la estonteco

(De broŝuro aĉetado en strato 42 de Nova Jorko)



# GASTRONOMIO

## Fazeoloj laŭ la Asturia maniero.

Por pretigi ĉi tiun kuirajon ni bezonas la jenan almiksaĵojn: 500 gramojn da fazeoloj, 2 kolbasojn, 2 sangokolbasojn, pecon da lardo kaj pecon da ŝinko.

Metu la fazeolojn, por trempi, en malvarma akvo dum 12 horoj. Oni devas kuiri ilin ankaŭ per malvarma akvo kaj kiam la fazeoloj ekbolas, aldonu la almiksaĵojn.

Kuiru la fazeolojn per malmulte da akvo, nur la necesa por kovri ilin, kaj kiam la akvo vaporiĝas pro la kuirado, oni devas aldoni pli da akvo por kovri ilin. La kuirado devas esti per malrapida fajro ĝis ili iĝas manĝeblaj.

Kuiristino PILAR

Hispanlingve "fabada"

Pasintan I4-an de Aprilo okazis la I<sup>a</sup> datreveno de la morto de nia majstro a eminenta Ludoviko Lazaro Zamenhof.

Taŭgu ĉi tiuj mallongaj linioj, kiel maĝo je lia memoro, nepre kunigita al lia rava verko, ilo kiu kunigas tiel diversaj deologioj, religioj, k.t.p., kiuj ekzistas en la mondo.



# LEGENDO



## DEVENO DE LA VINO

Oni rakontas ke Satano estis tiu, kiu instigis al Noao planti la unuan vitejon.

Poste la "malbona spirito" buĉis unu kaprideton, unu leonon kaj unu porkon, kaj per la sango de ĉi tiuj tri bestoj, li irigaciis la terenon kiu la patriarko estis kultirinta.

Pro tio, tiu, kiu drinkas modere la produkton de la vito, sentas sin gaja, malpeza kaj petolema, samkiel kaprideto; tiu, kiu drinkas sufiĉe, sentas sin forta kaj kuraĝa samkiel leono kaj tiu, kiu drinkas malmodere, falas teren kaj rulfaliĝas samkiel porko.

SaMuGa.

$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$

Estona amiko sendis al ni la apudajn bildojn,okaze de renkontiĝo la pasintan I.IV.I.978 en Viljandi. La siqloj signifas Tutmon da Tago de Viroj.

$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$$

E-RENKONTIĜO TTV En Viliandi 1 IV 1978.



Vivu la juneco...



Kaj belaj memoroj pri ĝi!

# DISTROJ

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | C | K | S | I | J | E | T |
| P | I | O | N | D | A | Ĝ | F |
| O | M | I | P | U | S | Z | O |
| K | O | M | U | Ŝ | O | L | R |
| E | Ĵ | E | K | Ĉ | E | B | M |
| T | I | A | Ŭ | B | F | V | I |
| A | M | T | A | O | Ĥ | D | K |
| O | I | L | I | P | A | P | O |

## Supo de literoj

Tiu ĉi kvadrato plena da lite-roj enhavas ses nomojn de in-sektojn. Serĉu ilin!
Por tio, vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale, en ambaŭ direktoj sed ne-transsaltu literojn.

## Movoj de kavaliro

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| DI | VI | VI | RU | KUN | RAS | U |
| U | **DI** | ROS | KAJ | VI | TAS | MI |
| AL | MI | KI | ES | AL | KI | I |

Komencante per la silabo DI ( nigreta ), -kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, -trovu hispanan proverbon.

SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | D | R | A | P | O | E | L |
| Ĝ | I | Ŭ | P | E | N | Ŭ | S |
| Ŭ | Ŝ | O | N | O | E | L | O |
| A | I | T | L | K | J | R | A |
| L | O | A | N | A | R | E | S |
| E | R | K | I | E | V | T | I |
| V | I | R | Z | A | T | E | D |
| O | N | E | I | H | A | Z | Ĉ |

Saltoj de ĉevalo: Al kiu frumatenas, Dio helpas lin.

GRAVAJ PENSOJ

Al la virinoj okazas same kiel al la glavoj, por ke ili povas esti uzataj ..., ili devas esti tute nudaj.

--ooOoo--

Ĝenerale, en la bebaziloj, ne estas festata la Patra Tago.

--oOoo--

Ni devas ami niajn malamikojn ..., kunporti ilin florojn sur iliaj tomboj, rememori ilin, kaj festi la datrevenon de iliaj mortoj.

SaNuGa.